# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

novembro 2005















- ★ **Esperanto-Societo "Bude Borjan" estas 60-jara!**
- ★ **Pentristo Nenad Opačić desegnis portreton de Zamenhof**
- ★ ***Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić* estas tradukita en la bengalan!**
- ★ **Preparata la dua eldono de *Hlapić* en la japana!**
- ★ **Premio por junulo partoprenonta IJK en Sarajevo**



Terglobo fotita en Lerneja muzeo Zagreb de Igor Kuduz

# Karaj legantoj!

Novembran saluton ni adresas al vi el Kroatio. Sur la titolpaĝo ni informas vin pri la nekutima sukceso de la kroata porinfana libro ***Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić***.

Post kiam ĝin esperantigis la tiama studentino Maja Tišljar en 1998 kaj kiam la verko en 1999 gajnis premion por Infanlibro de la jaro, la libro aperis en la japana kaj persa lingvoj. Nun ni anoncas, ke estas preparata la dua eldono en la japana kaj la revua eldono en la bengala.

Probal Daŝgupo preparis la bengalan tradukon kaj Mina Dan-helpis por ke *Hlapić* aperu per siaj unuaj ĉapitroj en la bengala revuo. Sekoguchi Ken zorgas pri la dua japana eldono. Mori Singo sukcesis publikigi ankoraŭ unu libron en la japana per Esperanto el Kroatio, ***Tillan*** de Spomenka Štimec.

Ni kore dankas al ĉiuj prizorgintoj de la eldonaĵoj.

(La ĉina *Hlapić*, kvankam ĉinigita, bedaŭrinde ankoraŭ ne trovis sian eldonejon.)

Sur la dorskovrilo vi trovos Zamenhof-portreton enkomponitan en la pentraĵon pri mita estaĵo kiborgo. Tiu verko estis pentrita de konata kroata pentristo Nenad Opačić kiel unu el la proponoj por la titolpaĝo de la libro ***Zamenhof-Strato***. La verko ne sukcesis kiel titolpaĝo nek de la japana nek de la kroata eldonoj de Zamenhof-Strato sed ĝi sukcesis kiel aŭtonoma pentraĵo.

La belaj novaĵoj pri *Hlapić* kaj pri *Zamenhof-Strato* estas donacoj okaze de la 60-a vivjubileo de Esperanto-Societo Bude Borjan. La epokon de la komenco de *Bude Borjan* en 1945 rememoras Ivo Borovečki. La plej bela donaco certe estas multvizitata Montkabana Renkontiĝo organizita de gejunuloj en Studenta Esperanto-Klubo kaj Kroata Esperanta Junulara Asocio: estas agrable scii kiel junuloj agas. Raportas pri tio slovako Jan Vajs.

Vi trovos en la numero liston de la lernejoj en Kroatio, kie Esperanto estas nun instruata. Vi legos pri novaĵoj en la medio de blindaj esperantistoj. Ankaŭ la estraro de Internacia Fervojista Esperantista Federacio kunsidis en septembro en Lovran en Kroatio.

Militoj ĉi-numere lasas siajn spurojn en la temo pri senminigo kaj pri rifuĝintoj.

Lasta tre grav ainformo: Kroatio serĉas novan ĉefdelegiton.

*S. Štimec*

**Tempo**

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXIV, numero 3/2005, ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio.
**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, **rete**: esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr** - **Kontribuis**: Ivo Borovečki, Boris Čović, Ana Geci, Mina Dan, Probal Daŝgupta , Emil Hrvatin, Hrvatski foto savez, Tereza Kapista, Antun Kovač, Povilas Jegorovas, Vida Jerman, Laŭlum, Stano Marček, Radenko Milošević, Vjekoslav Morankić, Ivan Novak, Nenad Opačić, Josip Pleadin, Velimir Piškorec Vanja Radovanović, Ivana Sambolić, Mori Singo, Sekoguchi Ken, Marko Štimac, Spomenka Štimec, Mara Timermane, Zlatko Tišljar, Jan Vajs, Andre kaj Colette Weiss , Zvane Črnja. - **Redaktoris** Spomenka Štimec - **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin. **Presis:** Grafokom, Đurdevac, grafokom@kc.htnet.hr - **Anonctarifo** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR) 1/2 paĝo 500 kn (68 EUR), lasta kovrilpaĝo 2.500 kn (328 EUR). **Abono**: 4 numeroj jare 40 kn (9,5 EUR), unuopa numero 10 kn (1,5 EUR)
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# MOK–ORO



La finita 16-a Montkabana renkontiĝo (mallonge MKR-o) okazis en la montaro Velebit de la 22-an ĝis 25-an de septembro 2005 kaj havis du ĉefajn flankojn. Unua moka flanko estis vetero, kiu dum du tagoj montris sian malhelan plennuban vizaĝon kaj du tagoj reĝis suno kun agrabla vento. La vetero mokis al la 35 partoprenantoj el 10 landoj. Tiuj estis la bazo de la ora flanko de MKR-o. La organizantoj Vanja Radovanović kaj Mea Bombardelli preparis turisme tre allogan programon .

Iu povus diri, ke organizi turisman okazaĵon en tiel bela regiono, kia estas montaro Velebit, estas facila tasko. Jes, estas vero, ke la montaro Velebit kun siaj belegaJoj, ĉu ni parolas pri kalkŝtonaj rokegoj, profundaj abismoj, papilformaj kreskaĵoj aŭ venenaj serpentoj, estas la juvelo kuŝanta apud la blue travidebla Adriatika maro. Por la organizantoj de la 16-a MKR-o estis la ĉefa tasko prizorgi loĝadon, manĝaĵon kaj sekurecon dum ekskursoj. Ĉio estis en ordo, tial la partoprenantoj dismembrigitaj je du grupoj povis elgustumi dumtage paŝadon tra montoj kaj vespere naĝadon en Esperantujo kun vere amika etoso. Tiu, kiu ŝatas altmontaran turismon, en la montaro Velebit estis en elsonĝita paradizo. Grimpe pretendemaj estis *Medvjeđi kuk* (1.384 m), antaŭ kiu ekhaltis iuj el la partoprenantoj kaj kun respekto ĉirkaŭiris ĝin, *Kiza* (1.278 m) kun perpendiklaj kalkŝtonaj muroj kaj *Manji vrh* (1.280 m) kiu krom rokegoj estis defendita per ventego. Ankaŭ aliaj montopintoj estis interesaj.

Ĵaŭde post la alveno al MKR-ejo en la vilaĝo *Baške Oštarije* ni elkuris al la monteto *Basača* (1.089 m), kiu estas grava milita punkto kun pafpozicioj. En tiu tago ni duan fojon renkontiĝis kun restaĵoj de la milito. En la vilaĝo *Smiljan* ni vizitis la naskiĝdomon de Nikolao Tesla. Ni estis surprizitaj, kiam ni vidis ĉirkaŭaĵon de la domo kaj de la ortodoksa preĝejo ornamigitaj per plastaj rubandoj kun surskribo „mine" kaj ruĝaj tabuloj kun avertskribo „*Oprez mine! Zabranjen pristup. Ne prilazite! Na ovom području je velika opasnost od mina!*". De hororo ŝtoniĝis niaj kruroj. Sur vojeto kondukata al preĝejo estis videblaj freŝaj postsignoj de aŭtomobilaj pneŭmatikoj. Tiu fakto kuraĝigis nin kaj malrapide, ne spirante, ni paŝis al preĝejo kaj al la naskiĝdomo. Post kelkaj fotoj ni revenis al la ĉefvojo. En niaj kapoj elkreskis demando: kial post dekkvin jaroj tia memorloko kaj kultura punkto restas minigita? Poste iu vilaĝano al ni diris, ke minoj tie jam ne estas. Revenante hejmen post tri tagoj ni aŭskultis en Kroata radio, ke en tiu loko mortis piroteknikisto. Ŝajnas, ke li havis malĝustan mapon kun enskribitaj grenadoj kaj li pensis, ke li troviĝis je sekura loko kaj tamen tie troviĝis unu grenado. Li ne havis feliĉon, sed ni jes. Tiu ĉi „milita" travivaĵo ne malheligis amikecan etoson dum la tuta Montkabana renkontiĝo.

Vesperaj konkursoj (oliva kaj kovriljeta) estis amuzaj kaj interesaj. La dimanĉa ekskurso en la ĉemaran postsezonan *Karlobag* kun banado en ne varma maro estis refreŝiga. La lasta punkto de la programo estis komuna tagmanĝo en restoracio.

La montaro Velebit estas de Slovakio en distanco de 800 km, sed MKR-o estis tiel bona, ke ni denove trairos longan vojon por renkonti bonajn homojn, samideanojn el diversaj anguloj de Eŭropo. Korajn dankojn al la organizantoj kaj la partoprenantoj.

*Por Tempo, 28.9. 2005* — *Jano Vajs*



# Suferoj de la skulptaĵo *La Futuro*

*La Futuro*, bela skulptaĵo el marmoro de Carrara, kiun donacis al la urbo Zagrebo dana skulptisto Jesper Neergaard okaze de la Universala Kongreso de Esperanto en Zagrebo en 2001 ne fartas bone. Iu fuŝdesegnemulo ornamis la verkon per aĉaj svastikformaj desegnoj. Iu volis forigi la desegnojn kaj ŝmiris la skulptaĵon per blanka olea farbo por kovri la malbelaĵojn. Ke tiamaniere detruiĝos la bela marmoro el Carrara, tiu ne pensis. Nun la svastikformaj desegnoj ne tiom videblas. Novaj desegnoj aperis...

Esperanto-Societo "Bude Borjan" skribis pri la problemo al la urbestro. Sed nenia respondo venis.



*Ivo Borovečki en 1945*

# "Bude Borjan" - 60-jara REMEMOROJ DE VETERANO



Antaŭ pluraj jaroj mi ie tralegis interesan penson, ke olduloj vivas "remaĉante sian pasinton", do verŝajne ankaŭ la veteranaj esperantistoj remaĉas sian esperantistan pasinton. Mi mem ofte foliumas malnovajn ekzemplerojn de "La Suda Stelo" kaj "Tempo", aŭ la konatajn biografiajn leksikonojn far Marinko Gjivoje kaj Josip Pleadin. Tia legaĵo revivigas en mia memoro gravajn okazintaĵojn el mia sesdek kvin-jara esperantisteco, kaj reportas en mian konscion bildojn de multnombraj karaj samideanoj, el kiuj la plej granda parto ne plu vivas.

La jaro 1945 apartenas al la aparte gravaj kaj eventoriĉaj jaroj en mia vivo kaj en la vivo de la zagrebaj esperantistoj. Mi klare memoras: Estis varma aŭgusta tago de 1945. Dum mi promenis apud la palaco de la tiama Ministerio de kulturo (vid-al-vide de la strato Jurišićeva), mi renkontis homon portantan sur sia jako verdan kvinpintan steleton. Montriĝis ke temas pri s-ano Josip Vajdlih, malnova membro de la fama Laborista Esperanto-societo. Ni ambaŭ tre ĝojis pro la hazarda renkontiĝo kaj ĝuis interparolante en flua Esperanto. Li sciigis min ke baldaŭ okazos la unua granda postmilita kunveno de kroatiaj esperantistoj kaj informis min pri la tago kaj loko de la kunveno. Mi sentis min tre feliĉa ĉar temis pri mia unua postmilita renkontiĝo kun esperantisto.

Memlerninte Esperanton ĵus antaŭ la milito en Zagreb kaj Split, mi vivis dum du militaj jaroj en Zagreb frekventante la du lastajn klasojn de klasika gimnazio. Kiel abonanto de "La Suda Stelo" mi multon sciis pri la tre bona agado de Akademia esperantista klubo en Zagreb kaj pri la samkvalita laboro de Laborista Esperanto-societo. Nur poste mi estis informita pri la plurjara fervora laboro de la Zagreba Esperanto-societo. Ĉirkaŭ 400 esperantistoj aktivis antaŭ la milito en tiuj tri zagrebaj societoj.

Dum la kvislinga Sendependa Ŝtato Kroatio (1941-1945) Esperanto-movado estis malpermesita, ĝiaj societejoj fermitaj kaj pluraj elstaraj esperantistoj mortigitaj aŭ enkarcerigitaj. Centoj da kroatiaj esperantistoj aliĝis al la naciliberiga kontraŭfaŝisma movado. Laŭ la ekzistantaj dokumentoj 146 kroatiaj esperantistoj pereis dum la dua mondmilito en la ustaŝaj prizonoj aŭ koncentrejoj, aŭ sur la batalkampo. La 10-an de julio 1941 mi ĉeestis apud la domo en Ilica 214 la surgluadon de la polica afiŝo anoncanta la mortigon de "la konata komunista agitanto" Bude Borjan, pafmortigita la 8-an de julio. Krom li estis samjare mortigita preskaŭ la tuta redakta komitato de "La Suda Stelo"

Dum tiuj militaj jaroj mi sekrete kunalboris kun s-anoj Antun Kolarić kaj Antun Jorgovanić kolektante monon por familioj de enkarcerigitoj. Mi multe korespondis en Esperanto kun amikoj en Svedio kaj Bulgario, tute ne supozante, ke mian korespondadon kontrolas la nazia sekreta polico. Kiam du agentoj de Gestapo venis al mia hejmo por aresti min, estis, je mia feliĉo, tro tarde, ĉar du semajnojn antaŭ ilia alveno mi iĝis partizana batalanto en Moslavina. Mia patrino savis sin tiun tagon dank' al la bonega kono de la germana lingvo, sed post kelkaj semajnoj ankaŭ ŝi kaŝe forlasis Zagrebon aliĝinte al la partizanoj.

La unua postmilita kunveno de la kroatiaj esperantistoj okazis la 9-an de septembro 1945. Ili kolektiĝis en la salono situanta en la maldekstra parto de la Laborista domo (kie en 1953 okazis la 38-a Universala Kongreso de Esperanto!). Mi venis inter la lastaj kaj pro tio mi devis malantaŭe stari dum la tuta tempo. Ĉeestis ĉ. 100 esperantistoj el pluraj lokoj de Kroatio kaj gastoj el Slovenio. Nur du homoj estis vestitaj en partizana uniformo: Peter Zlatnar, kapitano el Slovenio kaj mi, tiam 21-jara leŭtenanto.

Tiam mi la unuan fojon en la vivo ĉeestis esperantistan kunvenon kaj konatiĝis kun elstaraj movadanoj kies nomojn mi konis nur el "La Suda Stelo". Post la brila parolado de Ivo Lapenna, tiama direktoro de la oficiala gazeto "Narodne novine", kaj post nelonga diskuto estis fondita Kroatia Esperanto-Ligo. Estas interese mencii ke la Regularon de KEL aprobis la 24-an de oktobro samjare la kroatia Ministerio de internaj aferoj, kaj ke tiun aproban akton subskribis d-ro Ljudevit Lapenna, frato de d-ro Ivo Lapenna.

Nur du-tri semajnojn post tio (la precizan tagon mi ne plu memoras), denove kolektiĝis multaj zagrebaj esperantistoj, por fondi novan Esperanto-societon. Sed nun ili kolektiĝis en la granda salono de la iama entrepreno "Prehrana", la strato de Preradović, n-ro 29, kie antaŭ la milito kutimis kunveni la Akademia esperantista klubo.

La unuan fojon en la historio de la Esperanto-movado en Zagreb kunvenis en unu salono kune la iamaj membroj de ĉiuj tri grandaj antaŭmilitaj Esperanto-societoj. Krom ili ĉeestis la kunvenon grupo de novaj esperantistoj-studentoj. La kunvenon gvidis Ivo kaj Emilija Lapenna, kiuj akcentis la neceson de la kreo de nova, komuna Esperanto-societo kies ĉefaj taskoj estos: bona informado pri la Internacia Lingvo, altkvalita instruado kaj praktika aplikado de la lingvo. Tiuvespere estis fondita nova Esperanto-societo kiu, laŭ la propono de s-ano Ante Borčić, ricevis la nomon de Bude Borjan, honore al la elstara esperantisto, kaj la unua esperantista viktimo de faŝismo en Zagreb, agronomo inĝeniero Bude Borjan.

Bedaŭrinde, inter la multnombraj ĉeestantoj de la kunveno ne ĉeestis unu el la plej konataj antaŭmilitaj esperantistoj, Ivo Rotkvić, iama sekretario de la Zagreba Esperanto-societo. Li aktiviĝis en la societo nur kiam d-ro Ivo Lapenna definitive forlasis la landon. La nova "Esperato-societo Bude Borjan" ekloĝis en la strato Amruševa 5'nur komence de 1946. Tiu mondkonata Esperanto-societo festas ĉi-jare sian 60-an jubileon. Tutkoran gratulon!

*Ivo Borovečki*

*En la arkivo de KEL troviĝas ankaŭ la protokolo de la unua kunsido de "Bude Borjan" okazinta en "Prehrana" la 21-an de septembro 1945. Ĉeestis ĝin konataj esperantistoj, i.a. Ivo Lapenna, Josip Preksavec, d-ro Vuko Jovanović, Petar Horvat, Ivo Borovečki, Emilija Lapenna, Ernest Kasović, Josip Vajdlih, Ivka kaj d-ro Ante Gropuzzo, Lucija Borčić kaj aliaj.*

## Pri Esperanto en Internacia Lingvistika Konferenco en Split per "Kroata Esperantisto"

En Split okazis scienca konferenco de la 19-a ĝis la 21-a de majo 2005. Ĝia organizanto estis Kroata akademio de sciencoj kaj artoj kunlabore kun Instituto pri scienca kaj artisma laboro de Split. La aŭspicianto de la konferenco estis Kroata asocio por aplikata lingvistiko. „Lingvo kaj la medio" kaj „Unu lingvo - multa mondoj" estis la temoj de la konferenco.

Inter multaj sciencistoj el diversaj landoj al la temo kontribuis ankaŭ D-ro Velimir Piškorec el Filozofia fakultato en Zagrebo. Lia temo rilatis al Esperanto. Li analizis la unuan revuon en Esperanto, kiu aperadis en Kroatio en la jaroj 1909-1911. Lia prelego titoliĝis: ***„Naĝu, naĝu, ŝipo mia" - Kroata esperantisto (1909-1911).*** Tiel li omaĝis al la poemo „Mia ŝipo" de la kroata poeto Petar Preradović. La Esperanta traduko de la poemo okupas elstaran lokon en la historio de Esperanto en Kroatio. Ĝi estas la Esperanta traduko de la unua verso el la poemo „Mia ŝipo" de kroata poeto Petar Preradović, publikigita en la unua numero de „Kroata Esperantisto" en 1909. La kompleta teksto de la kroatlingva prelego de D-ro Piškorec troveblas ĉe ***www.esperanto.hr.***

*S. Štimec*

# KEL KAJ SAT POR SENMINIGO EN KROATIO

Inter pluraj projektoj de Kroata Esperanto-Ligo (KEL), la agado pri havigo de rimedoj por senminigo de Kroatio estas prestiĝa kaj ankaŭ publike grava kaj sendube por Kroatio utila. Jam antau tri jaroj komenciĝis fruktodona kunlaboro inter KEL kaj neŝtata internacia socipolitika esperantista organizo Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) kies sidejo estas en Parizo. Pri la neceso de senminigo en Kroatio estis farita speciala studo, kiun kreis en Esperanto kaj la franca André Weiss, esperantisto kaj ano de SAT el Francio. Li kompilis pri tiu celo tutan broŝuron kun mapoj pri minoj laŭ regionoj. Engaĝiĝis pri la kreo de la broŝuro plej multe la ĉefkompilinto André Weiss kunlabore kun membroj de KEL Spomenka Štimec kaj Vjekoslav Morankić. Tiu dulingva verko "Senminigo en Kroatio" respektive "Deminage en Croatie" depost oktobro 2003 servis por respondeculoj en francaj registaraj instancoj taskigitaj pri agado en la kampo de senminigo en la mondo. Precipe ni devas akcenti engaĝon de franca deputito François Rochebloine kiu agadas ĉe franca Nacia Komisiono por Elimino de Kontraŭpersonaj Minoj (CNEMA). Dank' al tiu engaĝo de personoj kiuj lobias por Kroatio jam tri jarojn sinsekve Francio donis po 100.000 eŭrojn tiucele. Hrvatski centar za razminiranje (HCR - Kroatia Centro por Senminigo) en Sisak estas regule informita pri la komuna agado de SAT kaj KEL ĉe la ŝtataj francaj isntacoj. Oni povus diri ke tio estas iaspeca kunlaboro.

Kiam en Zagrebo de la 2a ĝis la 9a de julio okazis la 78-a SAT-KONGRESO, gesinjoroj Weiss ĉeestis la kongreson. Dum la kongreso estis organizita vizito de reprezentantoj de KEL kaj SAT al Kroatia Centro por Senminigo en Sisak. Dum la kongreso la 7-an de julio 2005 delegacio de SAT estis akceptita ĉe Hrvatski centar za razminiranje. Flanke de SAT kunvenon en Sisak partoprenis Krešimir Barković, sekretario de SAT, kaj Colette kaj André Weiss kaj flanke de KEL Radenko Milošević kaj Vjekoslav Morankić. La delegacio estis detale informita pri agado pri senminigo de Kroatio, ankaŭ pri la agado de Kroatio kadre de Konvencio de Ottawa por forigo de personaj minoj en la mondo. La delegacio vizitis terenon apud la urbo Petrinja kiu aktuale estas senminigata.

*Vjekoslav Morankić*



*Vizite al Kroatia Centro por Senminigo en Sisak (supre).*

*La geedzoj Weiss, iniciatintoj de la projekto (malsupre).*



# DENASKA TRIOPO KAJ ILIAJ GEPATROJ





*La geedzoj Kitonić en 1928 (supre) kaj en 1980 (malsupre, fotis J. Pleadin)*

Eĉ sen Esperanto, la vivo de Ivan Kitonić estus interesa temo por sperta biografo. Li naskiĝis la 8-an de novembro 1888 en Hrvatska Dubica, en la familio de Đuro Kitonić, aŭstri-hungara oficiro. Samkiel la patro, li estis soldato de aŭstri-hungara armeo, kie li lernis la germanan. Edziniĝis unuafoje al hungardevena fraŭlino el la regiono de Transilvanio (hodiaŭa Rumanio), venigis ŝin al Kroatio, sed ŝi malsaniĝis pro ftizo kaj frue mortis. Li estis bakisto profesie. La bakistan metion li lernis en Zagrebo, kie li laboris certan tempon, sed poste trovis laboron en Budapeŝto kaj restis tie dum kelkaj jaroj. Ellernis la hungaran jam frue, kaj kun la unua edzino lia hejmlingvo estis la hungara, ĉar ŝi ne parolis kroate. Propran panejon li havis en Đurđevac en la jaroj ĉirkaŭ 1925. Estis tempo de fortaj movadoj de laboristoj, kiuj post la akcepto de la Rezolucio pri Esperanto en la dua kongreso de Socialista (komunista) laborista partio de Jugoslavio (en Vukovar, 1920), akceptis Esperanton kiel ilon de sia klasbatalo. En Đurđevac tiutempe aktivis komunistoj, kaj Ivan Kitonić tre baldaŭ fariĝis simpatianto de ilia rondo. Kiel homo scivolema, li rapide interesiĝis ankaŭ pri Esperanto (laŭ liaj vortoj, tio okazis en 1928), kaj jam en la jaro 1935 "La Suda Stelo" alportas informon de Kitonić (en sia numero 2, pĝ. 25), pri la kurso en Đurđevac gvidita de li en la tiama *Građanska škola* kun 18 gekursanoj. Pri tiu kurso poste lasis skribitan tekston loka verkisto kaj politikisto Mato Kudumija (1914-1997), unu el la kursanoj. Laŭ lia teksto, kiun mi trovis en mia arkivo, kvankam ili arde lernis Esperanton kaj ne ligis la lingvolernadon al politiko, grava parto de iliaj kunvenoj estis dediĉita al posta aŭskultado de novaĵoj de Radio-Moskvo en la domo de Kitonić, pro kio la kurso estis baldaŭ malpermesita. Kvankam Ivan ne havis altan edukon, li estis tre klera persono. Li havis grandan bibliotekon, ĉefe konsistantan el beletraĵoj en lingvoj kroata, germana kaj Esperanto.





***Rajka, Davorka kaj Mladen en 1949 (supre); Rajka, Mladen kaj Davorka en 1997 (malsupre)***

En la jaro de sia esperantistiĝo, 1928, li ankaŭ reedziĝis. Lia dua edzino estis Marija naskita Mavračić (1906-1994), naskiĝinta en Podravske Sesvete, kaj kun ŝi li pasigis la tutan vivon. La maldekstra politika engaĝiĝo de Ivan ne povis ne lasi konsekvencojn por la tuta familio. Kvankam la panejo bone funkciis, kaj la edzino naskis al li tri infanojn kaj subtenis lin en lia politika opinio, komence de la dua mondmilito, kiam formiĝis kvislinga Sendependa Ŝtato Kroatio, pro sekureco ili devis forlasi Đurđevac en 1941 kaj translokiĝi al pli sekura loko. La ĝendarmoj eksciis pri lia kunlaboro kun la komunisma movado, al kio aldoniĝis liaj pli fruaj "pekoj" (post la reveno el Hungario li estis gvidanto de laborista sindikato en Virovitica). Laŭ la rememoroj de la infanoj, por ili tiu subita foriro estis ŝoka. La tutan havaĵon Ivan vendis je malgranda prezo, ili estis transportitaj per kamiono al nekonata loko kun malmultaj necesaj aĵoj. La infanoj rememoras halton en iu slavonia vilaĝo (kun la hungara loĝantaro), kie ili dum certa tempo kaŝiĝis. Supozeble tiutempe Ivan estis forte engaĝita en popolliberiga, kontraŭfaŝisma laboro, ĉar li subite foriris lasante la familion en la vilaĝo Bogdanovac kaj revenis post la fino de la milito. Poste li estis prezidanto kaj lia edzino sekretario de la Popolliberiga komitato en Bogdanovac (nun Antunovac ĉe Špišić Bukovica). Iliaj kaŝnomoj estis Gabriel kaj Siringo. De post la dua mondmilito ili libere vivis en Špišić Bukovica, kie Ivan laboris kiel magazenisto en la loka kooperativo. Ekde 1955 ili vivis en Zagreb. Malgraŭ komplika antaŭ- kaj postmilita vivado de la familo, ekde la esperantistiĝo (kaj geedziĝo) en 1928 la hejma lingvo de la geedzoj estis nur Esperanto. Laŭ aserto de la infanoj, tio povis funkcii nur ĉar ili ne havis multajn konatojn kaj parencojn, kaj pro oftaj translokiĝoj kaj politika laboro de Ivan, ili estis iomete izolitaj. En spirito de Esperanto ili edukis ankaŭ la tri infanojn, kiuj denaske parolis nur Esperanton kaj inter si mem kaj kun la gepatroj. La unue naskita Mladen (Đurđevac, 1935) plej intense spertis la esperantistan vivon. Kiel eta infano li vizitis kun la patro la 10-an jugoslavian Esperanto-kongreson en Zagreb (1937), kaj ekde tiam lia frazo "Paĉjo, al mi estas enue, ni iru de ĉi tie!", per kiu li reagis al nacilingva parolado de iu kongresano, kiun li ne komprenis, fariĝis historia.





Our Readers' Page

TWO LITTLE ESPERANTISTS

***Ivan kun Rajka kaj Mladen (maldekstre), kaj paĝo de anglalingva gazeto el 1939 pri du malgrandaj esperantistoj.***

Ni ne forgesu, ke tiutempe ankoraŭ en la mondo ne estis multaj denaskaj esperantistoj. Tial ne mirigas la fakto, ke pri "Two little Esperantists" (Mladen kaj lia fratino Rajka) skribis eĉ tiutempaj anglalingvaj ĵurnaloj. Mladen finis maŝinteknikan mezlernejon, laboris en Zagrebo, Pula kaj aliloke, certatempe ankaŭ en Germanio, kaj pensiiĝis kiel dungito de HPT (kroata telefonkompanio) kaj vivas ankoraŭ en Zagreb. La dua infano en la familio estis Rajka (Đurđevac, 1937), kiu sekvis la fraton en sia denaska esperantisteco. Ŝi memoras, ke ili dumlude parolis Esperante. Post edziniĝo ŝia familia nomo estis Masnjak. Ŝi finis Filozofian fakultaton en Zagreb, estis konata sportistino (manpilko kaj ŝako), kelkfoje membro de ŝtataj (jugoslaviaj) teamoj. Ŝi laboris ĉe la Televido Zagrebo kiel tradukistino. La tria naskiĝis Davorka Kitonić (Špišić Bukovica, 1947), kiu ne spertis la dummilitajn traŭmojn, kaj kiu malplej intense lernis Esperanton. Ŝi finis Geodezian mezlernejon kaj en Germanio Konstruteknikan fakultaton. Dum tridek jaroj vivis en Hamburgo kiel projektisto. Nuntempe ŝi vivas en Opuzen, okupiĝas pri fotoarto kaj ornitologia aktivado. Neniu el ili povas diri kiam kaj pro kio ili ĉesis interparoli en Esperanto. Eble pro la malfirmiĝintaj familiaj ligoj, pro translokiĝoj aŭ pro io alia. Sed tamen, kiam mi telefone vokis s-ron Mladen pasintan someron, li tre bone komprenis kaj eĉ volis paroli en Esperanto. Malgraŭ ĉio, malgraŭ ekesperantistiĝo, la familio Kitonić estas escepta kazo de frutempaj denaskuloj, kreskintaj el idealismo de iliaj gepatroj.

*Josip Pleadin*

# KROATA LITERATURO PER ESPERANTO EN EKSTERLANDO

## „Hlapić“ en la bengala

*Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić* , la fama infanlibro de Ivana Brlić Mažuranić, 92 jaroj post sia apero en Kroatio atingis Hindion (Baraton). Lingvisto Probal Daŝgupta bengaligis *Mirindaj aventuroj de metillernato Hlapić*. Li tradukis laŭ la mendo de Kroata Esperanto-Ligo, kiu ricevis por la traduko financan subtenon de Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio.




En *Tempo* en 2004 la filo de la tradukisto Abir Daŝgupta post tralego de la libro entuziasme komentis *Hlapić* kaj favore parolis pri ĝi en intervjuo al infanrevuo *Juna Amiko*. Kelkajn jarojn poste la patro trovis tempon por bengaligi la infanromanon.

Hlapić ne aperos libroforme, sed en kelkaj daŭrigoj en revuo *Samatat* (sama = egala, tat = bordo). La signifo de la nomo de la revuo estas komuna podio. (Samtempe la revuo portas la malnovan nomon de Bengallando. Bengallando estas la regiono el kiu oni kreis du unuojn - la gubernion Okcidenta Bengallando en Barato kaj la memstaran landon Bangladeŝon, kiu estis ĝis 1971 Orienta Pakistano).




La revuo publikigas ĉefe eseojn pri diversaj temoj kiel literaturo, historio, medicino, religio, filozofio, biografio, dramo, scienco kaj teknologio, lingvo, muziko. La revuo aperas de 1969 kvarfoje jare. *Hlapić* aperos en la junulara parto de la revuo nomata *Kishor samatat*, de la dato 7a/8-a de novembro. Ni esperas povi al la legantoj prezenti la revuon en la venonta numero de *Tempo*. Titolpaĝe ni prezentas la mansukripton de la bengala *Hlapić*.

Pluraj kroataj gazetoj kaj radioelsendoj anoncis la tradukon de *Hlapić* en la bengala (*Novi list*, la 19-an de oktobro, *Večernji list*, la 30-an de oktobro ).

*Mina Dan, Probal Daŝgupta, Spomenka Štimec*

## Dua eldono de la japana *Hlapić* preparata

Sekoguchi Ken estas japana esperantisto kiu ektradukis *Mirindajn aventurojn de metilernanto Hlapić* unuavide por proponi al du siaj nepoj Shuuto kaj Shuusuke taŭgan legaĵon. Kiam la nepoj montris la intereson pri la verko, li eldonigis ĝian japanan version per la helpo de Esperanto Klubo Mishima kaj ilustraĵoj de Goto Masako.

Montriĝas ke ne per tio finiĝis la laboro de Sekoguchi Ken pri la kroata infana ĉefverko: li kontaktis la japanan eldonejon *Nova Vento* (la saman kiu en 2005 eldonis la verkon *Tilla* de Spomenka Štimec en la japana). Nun la eldonejo preparas la duan eldonon de la verko pri *Hlapić*. En la plibonigo de la nova eldono grave helpis per siaj konsiloj Kazukai Kameda, japano kiu vivis certan tempon en la iama Jugoslavio kaj poste en Kroatio.

Eldonejo *Školska knjiga* cedis la foton de la aŭtorino por ornami la verkon en Japanio.

Sekoguchi Ken naskiĝis en Japanio en 1937. En 1945 kiam li estis 8-jara knabo lia provinca urbeto estis aeratakita de usonaj bombaviadiloj Boing-29.

Post studado li finis aplikitan kemion en Universitato Waseda en Tokio. Li laboris kiel kemiisto en sinteza fibro-kompanio. Li klopodis pri evoluo de nova produktotekniko pri nilono. Li postenis pri la Oficiala Ekspluato-Helpo. Post sia pensiiĝo li dediĉis tempon al neregistaraj organizoj. Kadre de sia laboro li kunlaboris pri libroj *La tago kiam vi ŝanĝos la mondon* (2003)kaj *Kiel okazigi militon* (2004).

La laboro pri *Hlapić* estas lia unua sendependa traduklaboro.

La nova, dua eldono de la japana *Hlapić* estas kreata en la eldonejo *Nova vento*, en 4000 ekzempleroj, prizorgata de juna redaktorino Sato Fusako. La redaktorino diplomiĝis pri la publika informado en Universitato Tokaj kaj estas ŝarĝita pri eldono de porinfana literaturo, traduka kaj originala.

*S. Štimec/Sekoguchi Ken*

## Verko de S. Štimec „Tilla“ publikigita en la japana

Japana tradukisto Mori Singo publikigis ĉe la eldonejo *Sxinpuu-sxa* japanan tradukon de la verko „*Tilla*“ de Spomenka Štimec. Temas pri la romano inspirita per la vivo de germanlingva aktorino Tilla Durieux, kiu fuĝis dum la epoko de Hitler en Zagrebon kaj tie pasigis dudek jarojn. Revene al Berlino en la kvindekaj ŝi daŭrigis sian sukcesan teatran karieron. La japana eldono aperis laŭ la Esperanta verko eldonita ĉe *Edistudio* en 2002. La japana eldono enhavas ankaŭ plurajn fotojn el Muzeo de la urbo Zagrebo, kie la reala Tilla havas sian ĉambron. La muzeo per la ĉambro kaj la zagreba heredaĵo de Tilla Durieux kun ambaŭ Esperanta kaj japana verkoj de Spomenka Štimec gastos en januaro en Berlino, kadre de programo pri Tilla Durieux en la urbo en kiu ŝi atingis la pintojn de sia kariero.

La japanaj eldonoj de la libroj de Spomenka Štimec japanigitaj de Mori Singo estas ekspoziciataj en la zagreba librofoiro *Interlibro* ekde la 8-a de novembro 2005.

# ZAMENHOF-STRATO VASTIĜAS

## Zamenhof-strato en la kroata

La plej granda zagreba librovendejo Profil-Megastore en Bogovićeva 7 malfermos la 7-an de decembro siajn pordojn por *Zamenhof-strato* en la kroata. Pri la libro parolos eldonisto Damir Mikuličić kaj tradukisto Domagoj Vidović. El la verko legos Vida Jerman.

## Zamenhof-Strato en la estona

S-ino Mall Parn transprenis la tradukadon de la verko *Zamenhof-Strato* de Roman Dobrzyński en la estonan. Ŝi estas 69-jara instruistino pri la estona lingvo por neestonoj. Antaŭe ŝi postenis kiel instruisto kaj edukisto. Ŝi tradukis el la sveda, rusa kaj finna lingvoj.

## Zamenhof-Strato en la latva

Mara Timermane estas latva esperantistino, kiu gvidis la kroatan grupon dum la ekskursa tago al Latvio. La kunlaboro kun ŝi ne finiĝis post la fino de la ekskurso: ŝi transprenis zorgi pri tradukado de la libro *Zamenhof-Strato* en la latvan lingvon. Ŝi tradukis la unuajn kelkajn ĉapitrojn al la latva kaj daŭrigas la laboron.

## Zamenhof-Strato en la slovaka

Stano Marček preparas la slovakan tradukon de *Zamenhof-Strato* de Roman Dobrzyński.

Konata kiel ĉefredaktoro de Esperanto-Revuo, li anoncis ke la libro pretos en decembro 2005.

La slovaka eldono estas ebligita per financa subteno el Japanio, samkiel la ĉeĥa, slovena, hungara, latva kaj estona.

La projekton pri eldono de la libroj Zamenhof-Strato en la menciitaj lingvoj administras Kroata Esperanto-Ligo.

## Zamenhof-Strato en la slovena

Konata slovena verkisto kaj tradukisto Vinko Ošlak finpretigis la slovenan tradukon de *Zamenhof-Strato* de Roman Dobrzyński. La slovenan eldonon preparis eldonejo Inter-Kulturo de Zlatko Tišljar en Maribor. La libro enhavos interesan postparolan ĉapitron pri Esperanto, verkita en la sama formo de demandoj kaj respondoj kiel la libro mem. Demandas kaj respondas filozofoj Tim Wüster kaj Vinko Ošlak.

Kroata Esperanto-Ligo proponis al Slovena Domo en Zagrebo lanĉi la slovenan libron en Zagrebo okaze de Zamenhof-Tago 2005. La propono estas traktata.




***Propono por la titolpaĝo de la kroata libro „Zamenhof-Strato"***
***Proponinto Ivana Sambolić , studentino***



***Propono por la titolpaĝo de la kroata libro „Zamenhof-Strato"***
***Proponinto Ana Geci , studentino***

# VODNIKOVA 9
## donacoj novembro 2005

115. Radenko Milošević 26,90 eŭrojn
116. Marta Kovač 13,49 eŭrojn
117. Bojana Đuričić 50,00 eŭrojn
118. Siniša Dvornik 20,00 eŭrojn
119. Spomenka Štimec 6,77 eŭrojn
120. Vera Roknić 13,55 eŭrojn

Donacoj novembro: 130,71 eŭrojn

**Entute: 10.100,04 eŭrojn**

- - - - - - - - -

***Kroata Esperanto-Ligo ĝis nun repagis la jenŭŭajn kreditojn:***

1. 30 partopagojn al Raiffeisen Banko **10.500 eŭrojn**
2. Al la loĝejposedanto Franceskoviċ **5.000 eŭrojn**
3. Repago al UEA- kredito **pagitaj 1.523 eŭroj**

**Entute pagitaj 17.023 eŭroj**

Nia kredito konsisitas ankoraŭ el 53.000 eŭroj kaj interezoj.

Se Esperanto-Societo Rijeka helpos per kredito, en kazo de neceso, tiuj kreditoj anstataŭiĝos. Esperanto-Societo Rijeka estas kunŝuldanto por nia kredito en Vodnikova. Dum 3 jaroj ĝi ne devis interevi por helpi.

Dankon al ĉiuj kiuj helpas!

# Ni instruas 2005 /2006

Komenciĝis la jenaj kursoj en societoj kaj lernejoj:

## Societoj:

1. Studenta Esperanto-Klubo Zagreb, kursgvidanto Sonja Kovač
2. Esperanto-Societo „Bude Borjan“ Zagreb, kursgvidanto Vera Roknić
3. Esperanto-Societo „Liberiga Stelo“, kursgvidanto Ivana Žagar
4. Esperanto- Societo Rijeka, kursgvidanto Josipa Katunar

***Preparata***

Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj
Kursgvidanto Nevenka Imbert

## Mezlernejoj:

1. Gimnazija Nova Gradiška, kursgvidanto Manda Bunjevac

***Preparata***

Kurso en Gimnazio Varaždin, kursgivanto Siniša Horvat

## Elementaj lernejoj:

1. Osnovna škola Mladost Zagreb, kursgvidanto Marija Jerković
2. Osnovna škola Retkovec, kursgvidanto Judita Rey Hudeček
3. Osnovna škola Pećine Rijeka , Područna škola Kostrena, kursgvidanto Josipa Katunar

***Preparata***

Osnovna škola Sv. Križ Začrtje, kursgvidanto Tihomir Lovrić

Kroata ILEI-sekcio kunsidis en Rijeka la 22-an de oktobro 2005 kaj traktis plurajn lernejajn temojn, intralie pri la aktuala stato de Esperanto-instruado en Kroatio kaj pri konkurso por Kostrena 2005 kaj 2006.

*E. Hrvatin*

# Kroato en LIBE-estraro

Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj – KUNE havas sian reprezentanton en Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj - LIBE. Dum la kongreso IKBE-71 en Vilnius estis elektita nova LIBE-estrarano Dragan Štoković, sekretario de KUNE. Lia mandato daŭros kvar jarojn.

Dragan Štoković tiel „heredis“ alian kroatan aktivulon en la blindulaj rondoj Tomislav Karlović, kiu siatempe estis prezidanto de LIBE.

Ni esperas ke la nova estrarano el Kroatio helpos revenigi al KUNE la respekton kian ĝi iam ĝuis en la internacia Esperanto-Movado.

La noveleketita prezidanto de LIBE estas Nedeljka Ložaić.

*Antun Kovač*

# Sonrevuo "Tempo"

Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj subskribis kun Ministerio pri familioj, defendantoj kaj intergeneracia solidareco kontrakton kiu ebligos eldonadon de la sonrevuo *Tempo* en 2005 kaj 2006. La valoro de la kontrakto estas 8.000 kn. La tekstojn voĉlegas Spomenka Štimec. Eksterlanda abono de la sonrevuo estas 1 eŭro.

*Antun Kovač*

# Zagreba metodo en Afriko

Tereza Kapista instruis Esperanton kadre de Pacprojekto en Afriko. Dum aŭgusto (de la 1-a ĝis la 20-a) ŝi havis la okazon instrui ĉe Internacia Seminario de Esperanto, kiun partoprenis esperantistoj el Burundio, Kongolando kaj Tanzanio. Ŝi havis la okazon uzi la kirundan lernolibron de Zagreba Metodo, kiun kompilis burundiano studinta en Zagrebo Antoine Ntsigana.

# Nova adreso de IEMW

La Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno (IEMW( remalfermiĝis en Palaco Mollard (Herrengasse 9, 1010. Vieno).

# PREMIO POR JUNAJ ESPERANTISTOJ: RESTADO EN SARAJEVO 2006

Kroata Esperanto-Ligo trovis sponsoron por ebligi al unu juna esperantisto senpagan restadon en Internacia Junulara Kongreso en Sarajevo de la 6-a ĝis la 13-a de aŭgusto 2006.

KEL akceptas aliĝojn ĝis la 20-a de decembro.

**Kondiĉoj:**

1. La kandidato finis A-, B-, aŭ C-kurson aŭ nun lernas en baza kurso.
2. La kandidato aĝas malpli ol 27 jaroj.
3. La kandidato estas membro en iu el 11 Esperanto-societoj de KEL
4. La kandidato jam faris ion por Esperanto

Ekz. prelegis pri Esperanto (10 poentoj)
gvidis kurson (10 poentoj)
partoprenis Zamenhof-Tagon en 2004, 2005 (ĉiujare 3 poentoj)
legis libron „Zamenhof-Straton" (10 poentoj)
publikigis artikolon pri Espernto ie (10 poentoj)
legis en/pri Esperanto

La komisiono de „Bude Borjan" elektos la plej taŭgan kandidaton post ekzameno pri konversacio kun la kandidato. La kandidatoj ekster Zagrebo estos ekzamenotaj pertelefone.

La sponsoro celas tiel helpi al junigo de KEL kaj helpi al sukceso de IJK en Sarajevo.

La premioto devas mem pagi sian veturon al Sarajevo kaj reen.

Aliĝoj kaj aliaj detaloj ĉe **Spomenka Štimec en Kroata Esperanto-Ligo, Kneza Mislava 11 091 4617550, esperanto@zg.t-com.hr**

# Zamenhof sur la litova poŝtmarko

Litovio estas unu el tiuj landoj kiuj sukcesis profiti de la okazigo de Universala Kongreso por eldoni oficialan poŝtmarkon de la landa poŝto.

Tiel novdezajnita portreto de Zamenhof denove surpoŝtmarke veturas tra la mondo.




# Serĉata nova ĉefdelegito por Kroatio

Josip Pleadin ne plu estos ĉefdelegito de UEA en Kroatio.

Universala Esperanto-Asocio serĉas en Kroatio novan ĉefdelegiton.

Kandidatoj bv. kontakti kun:

**Kroata Esperanto-Ligo**
**10000 Zagreb, Kneza Mislava 11**
**091 4617550, 4617550,**
**esperanto@zg.t-com.hr**
**www.esperanto.hr**

* * *

*"Du bretetoj krucige,*
*estas kruc',*
*kaj du ŝtonoj krucige,*
*ankaŭ estas kruc',*
*kaj du vergoj krucige,*
*ankaŭ estas kruc',*
*kaj du tranĉiloj krucige,*
*ankaŭ estas kruc',*
*kaj du fingroj krucige,*
*ankaŭ estas kruc',*

*Sed du homoj krucige*
*ne estas kruc',*
*du homoj estas ĉiam*
*du krucoj."*

Zvane Črnja

El la ĉakava dialekto de la kroata tradukis
*Ivo Borovečki*

**ZVANE ČRNJA** (1920-1991). Poeto, eseisto kaj literatur-historiisto. Li redaktis la antologion de "ĉa"-dialekta poezio *Ŝipo de kantanto* (1969). Poemaroj: *La Istria Tero* (1940, kun I. Bostjančić), *Raŝo donos koron* (1947), *Rakonto pri la iliria tero* (1953), *La libro de Ĵminj* (1966), *Elektitaj poemoj* (1977).Lia libro *Kultura historio de Kroatio* aperis angle, france, ruse kaj itale en 1962 kaj 1978. Volumo *Kroatio* aperis kvinlingve en 1976, *Kroataj Donkiĥotoj* en 1971. Premiita per premio Vladimir Nazor por la en dialekto verkita *Bezak na tovare* (1976). En 1987 aperis *Konfliktoj pri Krleža* kaj liaj kolektitaj verkoj aperis en 8 volumoj en Rijeka en 1988.

# OMAĜO AL RIFUĜINTOJ




Novembro estas la monato kiam ĉiuj kroatoj memoras la en 1991 milite detruitan Vukovar, kiam la kroataj loĝantoj de Vukovar devis rifuĝi aŭ perei. Inter la pereintoj en Vukovar 1991 estis nia kolego-esperantisto René Matoušek.

Omaĝe al ĉiuj homoj de la mondo kiuj devis pro milita perforto forlasi sian hejmlokon kaj rifuĝi aliloken, por savi sian vivon, ni publikigas la kortuŝan poemon de la ĉina poeto Laŭlum. La poemon li neforgeseble prezentis dum la pekina Universala Kongreso 2004.

Sur la foto estas kroata aktorino Vida Jerman kun la afgana rifuĝintino, kiu lernis Esperanton en irana rifuĝejo kaj kiu atingis Pekinon.

## NEFORGESEBLA ONKLINO

*Sur ŝose' kampara,*
*knabo dekkvinjara*
*bicikladas ŝvita*
*en pantalon' ŝirita.*
*Blovas vintra vento,*
*grumblas vaka l' ventro.*

*L' orfa knabo devas migri,*
*ĉar milito daŭras vigli*
*kaj terure ĝi efikas,*
*milojn milojn senhejmigas.*

*Pro turmento de malsato,*
*haltis li ĉe bud' el mato,*
*kie servas aĝulino*
*per patkukoj, akvo, vino ...*
*Kukon, akvon li aĉetas*
*kaj por manĝi side pretas.*

*Jen rimarkas la onklino:*
*"Devus zorgi vin patrino! ...*
*L' invadantoj senkompatas,*
*tiaj knaboj nun migradas! ...*

*Ŝi kapklinas kaj ekvidas*
*la ŝiraĵon, tuj decidas*
*fliki ĝin per sia mano -*
*gravas varmo por l' infano!*

*"Nur momenton," ŝi suspiras,*
*turnas sin kaj domen iras.*
*Post minutoj, ŝi revenas,*
*la ŝiraĵon kapte prenas.*

*Malmiopo ŝia gravas,*
*okulvitrojn ŝi ne havas ...*
*Per fadeno kaj kudrilo,*
*flikas ŝi en malfacilo.*

*L' orf pleniĝas nun je varmo*
*kaj l' okuloj tuj je larmo:*
*li ekvidas kvazaŭ l' karan*
*panjon tombe dormofaran ...*
*Li la onjon multe dankas,*
*ĉar sufoke voĉo mankas.*

*Post la manĝo li sin levas,*
*ĉar migradi plu li devas.*
*Gravuritas en memoro*
*la onklin' kun panja koro.*

Laŭlum

## OMAĜE

### *Antun Kiridžija*



Esperantisto Antun Kiridžija mortis la 26-an de julio 2005 en Dubrovnik.

Li naskiĝis la 17-an de februaro 1910 en Potomje sur la duoninsulo Pelješac.

Li esperantistiĝis en Potomje en 1938 kaj gvidis kursojn en Potomje kaj Dubrovnik.

Li tre ŝatis Esperanton. Post lia morto oni ne plu flegas Esperanton en unu el la plej interesaj domoj en Dubrovnik, strato Sv.

